juna amiko

Nemzetközi
eszperantó
diáklap

Megjelenik
évente háromszor

XI. évfolyam

85/2. szám

Felelős szerk.:
Princz Oszkár

Kiadja
a Magyar
Eszperantó
Szövetség
Budapest
Kenyérmező u. 6.
1081

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült a
MESZ
Sokszorosítóban
hearota 86-0014

Kiad. eng. sz.:
III/IFJ/30/1976.
ISSN
0230-1318

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ!

Sur la kovr'il-paĝo:
foto de Z. Fejér

JUNA AMIKO, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Aperas trifoje jare. Redaktoro O. Kníchal, Budaörs, Patkó u. 3., Hungario. Grafika aranĝo A. Kucsera. Abonoj: en la soc. landoj ĉe resp. landaj asocioj aŭ koncernaj kompetentaj instancoj, en aliaj landoj ĉe UEA, Rotterdam, BJ 3015, Nieuwe Binnenweg 176, Nederlando. Prezo 5,70 gld.

## *PROKSIM'IĜAS LA JUBILEA JARO*

*de Esperanto kaj ankaŭ nia revu'eto ŝatus kontribui al tiu ĉi grava okaz'aĵo per aktiv'igo de siaj leg'antoj, kio samtempe helpus riĉ'igi sortimenton de niaj leg'aĵoj.*

*Sur-baze de tiuj ĉi bezonoj nask'iĝis la ideo proklami literaturan kaj artan konkurson, pri kiu vi povas legi sur la sekvaj paĝoj. Estus tre dezir'inde, se ankaŭ plen-kreskaj esperant'istoj, precipe instru'istoj, helpus popular'igi ĝin inter la infanoj, lern'antoj, studentoj kaj instigus ilin parto-preni per originalaj poemoj, rakontoj, desegnaĵoj kaj fotoj.*

*Sam-tempe ni esperas, ke tiu ĉi konkurso, pri kiu oni povos ek-scii ankaŭ el aliaj gazetoj, far'iĝos kiel eble plej inter-nacia, plej varia laŭ la nacia aparteno de la parto-pren'antoj, kaj ke la rezultoj de la konkurso estos ne nur laŭ-kvantaj, sed ĉefe laŭ-kvalitaj.*

*Ek-prenu do viajn skrib'ilojn, penikojn aŭ foto-aparatojn. Ni deziras al vi sukcesan laboron!*

*Li Vejlun, Ĉinio*

## Por la infanoj

*Esperanto*

Estas Esperanto
bela kiel kanto.
Estas mi lern'anto
ankaŭ esper'anto

*Amik'eco*

Bela koro
kiel floro.
Amik'eco
estas oro.

*Laboro*

Laboro kaj laboro
donas multe da oro.
Laboro kaj laboro
faras vivon kun floro.

*Rano*

Multaj ranoj
multaj panoj.
Tion scias
kamp'ar'anoj.

*Libro*

Kun libro
multe da scio.
Sen libro
estas nenio.

*Nubo*

Blanka nubo sur-ĉiele
flugas, flugas, kiel bele!
Jen rapide, jen male,
flugas ĉiam sen-cele.

*Sonoj*

Unu, du —
Trajno fajfas: u, u, u.
Tri, kvar, kvin —
Tintil' tintas: tin, tin, tin.
Ses, sep, ok —
Koko kantas: kok, kok, kok.
Naŭ kaj dek —
Kapro blekas: mek, mek, mek.

*La jaro*

En mal-varma januar'
komenc'iĝas nova jar'.
La plej eta, februar'.
Marto estas la najbar'.
Poste venas aprilo.
Maje verdas la herb'ar.
Junio kaj julio,
pasas jam la duon-jar'.
Aŭgusto kaj septembro,
tero ŝajnas ora mar'.
Poste sekvas oktobro,
por tra-vintri ek'prepar'.
Novembro kaj decembro
sen-folia la arbar'.
Estas nia kalendar',
ĝin memoru sen erar'.

*Li Vejlun...*

*Abelo*

Jen mal-nova fabelo
pri la eta abelo.
Flugas ĝi sur ĉielo
simile al anĝelo.
Abel'ujo mal-granda —
ene estas mielo.
Kiam floroj ek'floras,
la abelo laboras.
Ĝi al homoj favoras.
La homoj ĝin honoras.
La fabelo mal-nova,
mi ĝin ĉiam memoras.

*Vokaloj*

A, A, A —
Oni diras: ha, ha, ha.
E, E, E—
Al mi plaĉas verda te'.
I, I, I—
Unu kaj du estas tri.
O, O, O —
El literoj lasta „zo".
U, U, U —
Tie estas via ŝu'.

*Tiia Toomet*

# LA NIGRA MILIONO

Nombroj estas kaj grandaj kaj mal-grandaj, same kiel la homoj. Komence la nombroj estas mal-grandaj, iom po iom ili kreskas kaj far'iĝas ĉiam pli kaj pli grandaj. Ju pli grandaj far'iĝas la nombroj, des pli mal-proksimen ili for'iĝas de ni.

La mal-grandaj nombroj estas al la infanoj plej proksimaj. Ili estas bonaj amikoj kaj lud-kun'uloj de la infanoj. La infanoj povas ilin kun-meti kaj dis'igi, skribi sur paperon, legi ilin sur la horloĝo, sur la paĝoj de libroj, sur la domoj, aŭtoj kaj aŭtobusoj. La nombroj de *unu* ĝis *dek* estas al la infanoj same proksimaj kiel la propra hejmo. Estas bone est'adi inter ili.

Du-dekoj, tri-dekoj kaj kvar-dekoj estas ankaŭ tute proksime. Ili estas kvazaŭ la ĉirkaŭaĵo de la hejmo. Ankaŭ tie ĉi eblas ludi mem-stare, sed necesas esti sin-garda, ke de mal-antaŭ iu angulo ne aperu ia surprizo.

Centoj, du-centoj, tri-centoj estas jam kvazaŭ vizito al urbo kune kun la patr'ino. Oni devas teni sin ĉe mano kaj kvankam iun lokon oni dum-tempe ek-konas, tute sola oni ankoraŭ nenien kapablas iri.

Miloj, dek-miloj, cent-miloj estas kvazaŭ foraj urboj, kien la patro kaj patr'ino foje veturas. Infanojn oni tien ne kun-prenas.

Ĉe milionoj ankaŭ la patro kaj patr'ino ne estis. Tiom terure mal-proksimaj estas la milionoj.

De milionoj pli pluen, de bilionoj, trilionoj pluen la nombroj far'iĝas fine tiom grandaj, ke oni jam ne scias eĉ iliajn nomojn. Neniu tie iam estis. Kaj ie en la sen-fin'-eco, meze de nigra mal-lumo, estas la plej granda nombro — la NIGRA MILIONO. Neniu iam vidis la nigran milionon. Neniu scias, kiel skribi la nigran milionon.

Sole Mart sci-povas skribi la nigran milionon. Li prenas krajonon, skribas MILIONO kaj farbas ĝin per kolora nigra krajono.

El la estona Johannes Palu

# KONKURSO de la JU
# de la CENTJARIĜO d

Kun la celo stimuli literaturan kaj artan kreadon de la junaj esperantistoj en ĉiuj landoj kaj tiamaniere kontribui al nobla ideo de la interkompreniĝo kaj amikeco

Hungara Esperanto-Asocio kaj redakcio de la Juna Amiko sub aŭspicioj de Universala Esperanto-Asocio proklamas internacian literaturan kaj artan konkurson omaĝe al 100-jara jubileo de Esperanto sub la devizo

MONDO DE LA JUNULOJ - JUNULOJ DE LA MONDO

Oni povas konkursi laŭ jenaj ĝenro- kaj aĝo-kategorioj:

I. *Originala poemo* (ĝis 50 linioj), la temo laŭplaĉa, la teksto estu tajpita sur la formato A 4 en tri ekzempleroj.

*1-a kategorio* 11-14 jaroj *2-a kategorio* 15-18 jaroj
(Unua, dua kaj tria premioj en valoro de 600, 400 kaj 200 forintoj en ambaŭ kategorioj)

II. *Originala rakonto* (novelo) minimuma amplekso du paĝoj (60 linioj) sur la formato A 4 kaj en tri ekzempleroj, la temo laŭplaĉa.

*1-a kategorio* 11-14 jaroj *2-a kategorio* 15-18 jaroj
(Unua, dua kaj tria premioj en valoro de 600, 400 kaj 200 forintoj en ambaŭ kategorioj).

III. *Desegnaĵo.* — bonvenas precipe kolora, sur bonkvalita papero dorsflanke kun la titolo de la verko; formato minimume A 4, la temo laŭplaĉa.

# NA AMIKO OKAZE e ESPERANTO

*1. kategorio* 6-10 jaroj *2. kategorio* 11-15 jaroj
(Unua, dua kaj tria premioj en valoro de 600, 400 kaj 200 forintoj.)

IV. *Fotografaĵo* — laŭeble rilatu la vivon de la infanoj aŭ gejunuloj. Formato minimume 13x18 cm, dorsflanke kun la titolo aŭ alia konvena teksto.

Unu kategorio (15-18 jaroj)
(Unua, dua kaj tria premioj en valoro de 600, 400 kaj 200 forintoj.)

Ĉiu konkursanto rajtas partopreni kadre de sia aĝo-kategorio maksimume per tri verkoj, ĝis nun neaperintaj.

Ĉiu konkursaĵo portu *kompletan nomon, naskiĝdaton kaj adreson* de la aŭtoro. Sen tiuj ĉi indikoj la verko ne estos konsiderata.

La konkursaĵojn oni sendu plej malfrue *ĝis la fino de aŭgusto 1986* al Hungara Esperanto-Asocio, Budapest, VI., Kenyérmező u. 6. Hungario. Sur la koverto estu slogano KONKURSO.

Ĉiu premiito ricevos diplomon. Krome la plej sukcesa premiito gajnas *senpagan restadon en somera junpionira tendaro* en Hungario.

Premiitaj kaj aliaj sukcesaj konkursaĵoj, kiel ankaŭ rezultoj de la konkurso, aperos en la Juna Amiko, ev. ankaŭ en aliaj Esperantaj periodaĵoj. El la plej bonaj desegnaĵoj kaj fotoj oni laŭeble aranĝos ekspozicion.

Hungara Esperanto-Asocio Redakcio de la Juna Amiko
Budapeŝto, Hungario Universala Esperanto-Asocio Rotterdam, Nederlando

# TRI FABELOJ

*La verda*

Knabino sur-metis verdan antaŭ-tukon[1] kun verdaj poŝoj kaj iris al arb'aro. Kaj en la arb'aro ĉio estis verda — verd'ega. Ankaŭ la arboj estis verdaj, ankaŭ la herbo estis verda kaj eĉ la akvo en mal-granda flako[2] estis verda.

La knab'ino tre volis kapti verdan ran'idon[3] kaj ek'scii kiom da fingroj estas sur ĝiaj pied'etoj.

— Se la ran'ido ek'vidos mian verdan antaŭ-tukon kun verdaj poŝoj ĝi ne ek-timos.

La verda ran'ido el-iris el la verda flako, en kiu estis vid'eblaj verdaj arbo-folioj kaj verdaj herboj, kaj tute ne ek-timis la knabinon en verda antaŭ-tuko.

— Kŭa! — ek-miris ĝi. — Kia rid'inda verda arbo el-kreskis apud mia flako.

Tiam la knab'ino povus preni la ran'idon kaj rigardi kiom da fingroj ĝi havas. Sed ŝi ek-rid'egis kaj diris:

— Mi tute ne estas arbo!

La ran'ido tre ek-timis. Ja ĝi neniam aŭdis, ke arboj ridus aŭ eĉ parolus. Kaj ĝi re-saltis en la flakon.

*La ruĝa*

Kaj venis somero. Ĉe la arb'aro el-kreskis unu apud la alia ruĝa amanito[4] kaj ruĝa frago[5].

— Nur rigardu, kia vid'inda kaj bela mi estas, — diris la amanito. — Sed vi estas tre mal-facile rimark'ebla, tia mal-granda kaj ne-bela vi estas. Kaj via voĉo estas tre mal-forta...

— Sed mi estas tre bon-gusta[6] kaj tre dolĉa — respondis la frago. La voĉon ĝi havis vere tre mal-fortan. — Kaj mi estas ankaŭ tre utila — diris ĝi jam flustre[7]. Kaj ĝi ruĝ'iĝis ankoraŭ pli, ĉar ĝi ne ŝatis fanfaroni[8].

— Eble ankaŭ mi estas tre dolĉa, tre bon-gusta kaj tre utila! — respondis la amanito kaj ĝi fiere[9].. alt'igis la ruĝan ĉapelon kun blankaj makul'etoj[10].

En ĉi tiu tempo aperis ĉe la arb'aro knab'ino kun ruĝa

antaŭ-tuko, sur kiu estis ruĝa poŝo.

— Ho! — diris ŝi — tio estas frago! Jam matura[11]! Kaj kia ruĝa! Ŝi sid'iĝis kaj prenis la fragon.

— Nu, — ek-pensis la amanito — tuj ŝi ek-vidos ankaŭ min.

La knab'ino vere ek-vidis la amaniton kaj sulk'igis[12] la frunton.

— Venena[13] fungo! La patr'ino ne permesas tuŝi tian ĉi per-mane. Kaj ŝi iris plu serĉi ruĝajn arb'arajn fragojn.

*La lazura*

Ĉio ĉirkaŭe estis lazura[14]: lazura ĉielo, lazura rivero, lazuraj libeloj[15] kaj knab'ino kun lazura antaŭ-tuko, kun lazuraj poŝ'etoj.

Kaj sur la bordo de lazura rivero lazuraj miozotoj[16] kreskis.

— Libelo! — kriis la knab'ino al libelo, kies flug'iloj estis tute lazuraj kaj tute tra-vid'eblaj.

La lazura libelo tuj komprenis, ke la knab'ino vokas ĝuste ĝin. Ĝi mal-lev'iĝis kaj sid'iĝis sur lazuran miozoton.

— Sid'igu min sur vian dorson kaj ni flugu, — petis la knab'ino. La libelo ek-ridis:

— Ĉu al mi sufiĉos la forto? Vi estas tro granda...

— Kaj se mi est'iĝos mal-grand'eta, ĉu ni flugos?

— Tiam ni flugos, — diris la lazura libelo.

La knab'ino flustre diris magiajn[17] vortojn:

— Tili — tili — bom! — kaj tuj ŝi est'iĝis mal-grand'eta.

— Sid'iĝu, — diris la libelo kaj sub-metis la dors'eton.

Kaj ili ek-flugis. Rapide — rapide. Ja la libeloj flugas plej rapide en la mondo.

Post sekundo ili mal-aperis. Ĉar super ili estis lazura ĉielo, la libelo havis lazurajn flug'ilojn kaj la knab'ino sur-havis lazuran antaŭ-tukon kun lazuraj poŝoj.

Ili flug'adis tiel longe ĝis la knab'ino diris:

— Mi volas hejmen. Ĉu ni ne erar-iras?

— Ne, — respondis la libelo. — Ĉu vi ne scias, ke la libelo havas du grandajn okulojn kaj en ili multajn milojn da mal-grand'etaj akre-vidaj okul'etoj? Kaj ankoraŭ tiajn okulojn, ĝi havas, kiuj vidas, kio okazas sube...

La knab'ino kun la libelo tuj mal-lev'iĝis sur la bordon de lazura rivero, kie kreskis miozotoj. Kaj de tie estis tre-tre proksime al la hejmo.

---

1)Tuko por ŝirmi la vestojn, 2) mal-granda akvo sur-tere post pluvo, 3) ĉe-akva verda besto, kiu saltas, 4) danĝera ne-manĝ'ebla fungo, 5) dolĉa suko-plena frukto, 6) agrabla por manĝi, 7) preskaŭ sen esti aud'ebla, 8) sin glori per ecoj, kiujn oni ne havas, 9) kun troa atent'igo pri si mem, 10) punktoj, 11) kio plene kreskis, 12) kun-tiri, 13) kio kapablas sen-viv'igi, 14) blu-kolora, 15) granda insekto, 16) blua floro, simbolo de neforgeso (neforgesumino), 17) kio kred'igas ag'adon, helpon de ne-vid'eblaj fortoj.

## Mark Twain kaj Halley-kometo




En la jaro 1985 pasis 150 jaroj de la nask'iĝo kaj 75 jaroj de la morto de Mark Twain, usona verk'isto kiu sam-tempe apartenas al la plej el-staraj aŭtoroj por-infanaj kaj por-junul'-araj. Kiu ne konus liajn knabajn heroojn Tom Sawyer kaj Huck Finn? Se vi ankoraŭ ne legis lian historian fabelan rakonton Reĝ'ido kaj mal-riĉ'ul'ido, tra-legu ĝin, ĉar ĝi estas eble eĉ pli bela.

La vivo de Mark Twain estas interesa jam pro tio, ke kiam li nask'iĝis — la 30an de novembro 1835 — sur la ĉielo aperis la fama Halley-kometo. La plen-kreska Twain ŝatis ŝerce diri, ke li per sia nask'iĝo pli-grand'igis la loĝant'aron de sia nask'iĝ-loko je unu procento (en vilaĝo Florida tiam vivis cento da homoj), kaj ke la kometo anoncis lian ekster-ordinaran sorton. Kiam li mortis — la 21-an de aprilo 1910, — la kometo aperis de-nove. Nun, kiam ni re-memoras la du jubileojn de la granda art'isto, la mondo atendas re-venon de la Halley-kometo, kiu okazos en februaro 1986.

Kaj ankoraŭ unu interes'aĵo pri Mark Twain. La propra nomo de la verk'isto estis Samuel Langhorne Clemens, dum Mark Twain estas nur lia literatura nomo. Ĝi signifas „marku du", kio estis krio de mezur'istoj sur la vapor-ŝipo de Misisipi kaj kio volis diri, ke ankoraŭ restas du klaftoj da akvo, do la vapor-ŝipo povas daŭr'igi la vojon. Antaŭ ol Sam Clemens far'iĝis verk'isto, li estis stir'isto[1] sur vapor-ŝipo. Tio oni ĝenerale scias. Sed jam mal-pli oni scias, ke li ne estis la unua aŭtoro, kiu uzis la pseŭdo-nomon Mark Twain. En la 50-a ĉapitro[2] de sia libro La vivo sur Misisipi

li rakontas, ke kiam li ankoraŭ lernis stir'adi, la plej mal-juna el ĉiuj kapitanoj, naŭdek-jara Iissiah Sellers, aper'igis en gazet'aro praktikajn informojn pri la rivero, kiujn li sub-skribis per la nomo Mark Twain. Sed la ceteraj kapitanoj, instru'istoj de la juna Sam, enviis sian pli aĝan kolegon pro liaj spertoj. Sam volis ek-plaĉi al ili kaj verkis mokan artikolon kontraŭ „Mark Twain", kaj la kapitanoj entuziasme aper'igis ĝin. Kapitanon Sellers tio tuŝis mal-agrable kaj li ĉesis publik'igi siajn re-memorojn. Post lia morto la juna ĵurnal'isto Clemens hontis pro sia „kontraŭ-verko", akceptis la nomon Mark Twain jam kiel verk'isto kaj sukcesis re-doni al ĝi la iaman gloron en ankoraŭ pli granda brilo.

*Miroslav Malovec*
Bildo: Pavel Rak

-----

1) kiu direktas, gvidas la ŝipon, 2) parto

---

*Blazio Vaha*

**Kiel oni pasu**

Iuj deziras
uzi piedojn
aliaj ŝatas
velocipedon.

Se vi veturas
pasas vi side —
pied-iro pasas
mal-pli rapide

Iri sur sablo
estas tre tikle[1]
pli mal-facile
estus bicikle!

Per brako-paro
pasu en maro,
per skio-paro[2]
en neĝ-mont'aro.

Se vidas vi
dikan ŝton-muron,
ĉiam preferu
ĉirkaŭ-veturon.

Kiu ne naĝas[3]
prenu la ŝipon,
kiu ne flugas —
aviadilon.

Kaj se romp'iĝos
ĝia motoro,
per paraŝuto[4]
venu al tero.

-----

1) ripete tuŝ'eti, 2) sur-neĝaj vetur'il'etoj, 3) mov'iĝi en akvo, 4) per kio oni saltas el aviadilo.

# KANTU!

## Kukol-aŭguroj




—Ho, aŭgu-ru, ci, ku-kol', kol', kol':

ĉu long-vivos mi laŭ vol', vol', vol'?

—Vi ĝis cen-ta vi-vos jar', jar', jar',

bal-daŭ i-ros al altar', tar', tar'!...

El la hebrea trad. J. Kohen-Cedek

# Jun'ul'aro en Nov-Zelando

Eŭropaj antaŭ-uloj de la hodiaŭaj Nov-zelandanoj venis tien ĉi fine de la 18-a jar-cento, dume la originaj homoj — la unuaj maorioj — ek'loĝis antaŭ 700-1000 jaroj en tiu ĉi lando granda kiel Britio aŭ Japanio kaj iliaj poste'uloj prezentas dek'onon da Nov-Zeland'anoj (en-tuta nombro estas 3,2 milionoj).

La nacia lingvo estas la angla, la maorian oni uzas nur en mal-grandaj kolektivoj. Multaj maoriaj jun'uloj ne havas bonan scion de sia lingvo. En stratoj de kelkaj antaŭ-urboj de la ĉef-urbo Wellington kaj en la plej norda grand-urbo Auckland oni aŭdas ofte la samoan kaj aliajn pacifikajn lingvojn.

Rilate la ĉiu-tagan vivon, sen-labor'eco minacas tie ĉi la junul'aron simile kiel en aliaj landoj. Por serĉi laboron oni emas veturi al Aŭstralio. Tia-maniere emas „mal-aperi" ankaŭ popularaj muzik'istoj — pro la pli bonaj ebl'ecoj, aŭ kurac'istoj pro la pli altaj salajroj.[1] Oni ŝerce diras, ke Sidney (en Aŭstralio) estas la plej granda nov-zelanda urbo.

Krimoj, same kiel sen-labor'eco, estis ĝis antaŭ ne-longe mal-oftaj. Antaŭ dek jaroj dum-tage oni eĉ ne devis fermi la pordon de sia domo, sed nun tio estas riska afero. Tiun ĉi situacion helpas la pli-mult'iĝo kaj kresko de urboj kaj mov'iĝo de la loĝ'antoj norden. Ĉio ĉi estas minaco[2] kontraŭ la nova generacio, kiun oni antaŭe tute ne konis.

Estas ankaŭ ioma mal-trankvilo pro la situacio rilate nukleajn arm'ilojn,[3] sed tio ne estas tre rimark'ebla, ĉar kompare kun aliaj landoj la loka jun'ul'aro ne estas politike tiel ag'ema.

Malgraŭ tiuj ĉi negativaj faktoj, Nov-Zelando ne far'iĝis mal-agrabla loko, ĝi nur al-proksim'iĝis al la cetera mondo.

*Laŭ M.L.Purdy, Levin*

1) kion oni ricevas por la laboro, 2) montri per io, ke oni volas fari ion mal-bonan, 3) iloj, kiuj neni'igas la tutajn urbojn

# Serĉu la respondon!

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 5 | 7 | 1 | 5 | 2 | 8 | 2 | 9 | 6 | 3 | 7 |
| 4 | 11 | 12 | 1 | 9 | 13 | 12 | 9 | 2 | 2 | 16 |
| 3 | 14 | 1 | 3 | 9 | 15 | 4 | 7 | 17 | 2 | 14 |
| 1 | 16 | 4 | 9 | 10 | 2 | 9 | 15 | 1 | 13 | |

Anstataŭ ciferoj metu en la suprajn kvadratojn literojn el vortoj:

1. Sezono — 5,7,3,9,15,4,16,5,1
2. Parto de vagon'aro — 11,2,8,1,9,1
3. Tropika acida frukto — 10,3,15,7,1,9,1
4. Monato — 16,2,13,1
5. „Saĝa" maŝino — 14,1,16,5,12,15,3,17,1
6. Estro de lern'ejo — 6,3,7,4,14,15,1,7,1

Se vi tion faris sen-erare, tiam de la unua ĝis la lasta kvadrato vi povos tra-legi taskon de ĉiu esperant'isto.

| | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 6 | 1 | 5 | 7 | 4 | 8 | 4 | 9 | 4 | 10 | 2 | 11 | 3 |
| 12 | 2 | 12 | 1 | , | 11 | 3 | 17 | 16 | 5 | 12 | 8 | 2 |
| 15 | 11 | 2 | 14 | 5 | 15 | 4 | 9 | 3 | 12 | 11 | 1 | 11 |
| 13 | 2 | 11 | 3 | 16 | 11 | 1 | 2 | 3 | 12 | 2 | 12 | 4 |

Tiu ĉi tasko estas simila al la unua, sed en kvadratoj trov'iĝas proverbo (dir'aĵo):

1. Granda ĉambro — 11,2,15,4,16,4
2. Ĝeneral'iga pronomo — 6,1,2,8
3. Montra pronomo — 13,1,5
4. Loĝ'ejo — 17,4,8,4
5. Halt'ejo de ŝipoj — 7,2,10,3,1,6,4
6. Homo kiu veturas per io — 9,2,11,2,14, 3,12,4
7. Lingvo, kiun ni ŝatas — 3,11,9,3,12,2,16,13,4

*G.Nikolova*




*Pri la leg'ado*

1. Kiel nom'iĝas homoj, kiuj ne sci-povas legi?
2. Ĉu ĉiuj libroj kaj gazetoj enhavas la samajn literojn?
3. Ĉu vi legas Esperantajn librojn kaj gazetojn? Kiujn?
4. Kiel ek-estas libro (gazeto)? Nomu ĉiujn necesajn laborojn!

5. Ĉu libroj estis ĉiam el papero? Per kio la papero estas pli/malpli/bon-vena ol aliaj materialoj?
6. Kio estas literaturo? Kiujn literaturaĵojn vi ŝatas? Nomu la ĉefajn verkojn (kreaĵojn) de via nacia literaturo en la nacia lingvo kaj en Esperanto.

-----

Prenu paperon 21 x 30 cm kaj provu desegni ian Esperantan gazeton aŭ skribi, kvazaŭ vi estus redaktoro.

*Pri diversaj amuzoj*

1. Kie oni rigardas okaz'aĵojn, kiujn prezentas aktoroj (kiu prezentas iun alian)
2. Kio trov'iĝas sur scen'ejo (loko, kie oni prezentas ion) krom aktoroj?
3. Kio anstataŭas aktorojn, ekzemple se la okaz'aĵojn rigardas infanoj?
4. Kiel nom'iĝas serio da okaz'aĵoj, kiujn oni prezentas sur ekrano?
5. Kia-maniere la muziko servas al amuzo?
6. Kiujn muzik-instrumentojn vi konas? Ĉu vi povas priskribi ilin?
7. Kion vi scias pri danc'ado?
8. Ĉu vi ŝatas rigardi bildojn?

a) Skribu pri grandaj pentr'istoj (kiu kreas bildojn) aŭ aliaj art'istoj kaj pri iliaj gloraj kre'aĵoj. Kiom da tutmonde gloraj art'istoj vi konas?

b) Faru afiŝon (pli granda folio kun gravaj informoj) pri ia prezent'ado en Esperanto.

-----

*Pri la manĝ'ado kaj trink'ado*

1. Kiel ofte vi manĝas dum-tage?
2. Kiu kuiras manĝ'aĵon por vi? Ĉu vi mem sci-povas kuiri?
3. Kiuj krud-materialoj (ĉefaj, bazaj aĵoj) estas necesaj por kuir'ado?
4. Kiu liveras (regule al-vetur'-igas) viandon? Kiuj specoj de viando estas kutimaj?
5. Kial iuj homoj ne manĝas viandon aŭ alian nutr'aĵon? (pere de kio vivas aŭ kreskas la korpo).
6. Kiu nutr'aĵo estas rekte de minerala origino? Kiel oni hav'igas en la nutr'aĵo feron, kalcion, fosforon kaj aliajn mineralojn?
7. Kiel nom'iĝas homo, kiu longe ne manĝis (ne trinkis)?

a) Skribu interesan manĝo-karton.
b) Pri-skribu pret'igadon de ia manĝ'aĵo aŭ trink'aĵo do, skribu recepton).

En tiu ĉi rubriko aperis lastatempe jenaj konkursoj: Kolekt'ado de vidaĵ-kartoj — Vojaĝo tra Eŭropaj ŝtatoj — Renkont'iĝo de du'opoj — Iamaj filateliaj landoj — Ekzameno pri natur-sciencoj — Slip'aro pri gravaj homoj. — Tiun lastan ĝuste solvis V. Pajuk, USSR.

-----



ILLUZIISTO DENOVE VENIS AL LABORO EBRIA ※ DESEGNO: V. PAVĈINSKIJ

# SE VI LEGIS ATENTE LA »JUNA AMIKO«

## ...vi povas pli facile solvi la H. 2. kaj V. 1. liniojn




HORIZONTALE

2. UNUA PARTO DE LA KAŜFRAZO V., 9. Tabel'vorto: reen, 10. Kore ŝatas, 11. „Du'one" esti, 12. Kuraĝa, danĝera ekskurso, 14. Purigas per akvo, 16. Tranĉo-pova, 18. Ne stara: reen, 19. Kolora flu'aĵ' por skribado, 21. Sen atendo, 22. Poseda pronomo, 23. Kokin' „produktaĵ'", 24. Bario, Fluoro, 27. Kun-ligi ŝtofon per fadeno: reen, 28. Besto en dezerto, 30. Mal-dolĉa gusto (R), 32. Pump'ilo de sango, 33. Rezulto de futbalo, 35. Antaŭ-n'iĝi en'iĝi per piedoj (R), 36. Mikse BANI, 37. Infano de homo aŭ besto: reen, 39. Tio kion oni volas atingi aŭ trafi, 41. Liter-signoj de aŭstriaj kaj belgiaj aŭtoj, 43. Grand'ega maro: reen, 45. Artikolo

VERTIKALE

1. DUA PARTO DE LA KAŜFRAZO, 2. Persona pronomo, 3. Posedas, 4. Parto de frukto el kiu kreskas nova planto: reen, 5. Homa pren'ilo, 6. Mal-molan parton de la korpo, 7. Tia kia ĝis fakte estas, 8. ...ĝo kovras vintran pejzaĝon, 12. Flug'maŝino, 13. Mal-longigo de monato, 15. ...vizaĝo estas al gaja knabo, 17. Rusan monon, 19. Roma cifero, 20. Tra'vid'ebla, pura (R), 23 Sepan sekvas, 25. Roma 999, 28. Ĉelo de mal-liber'ejo, 29. Buŝo de birdo: reen, 31. Persona pronomo, 34. Kion oni flaras per nazo, 36. Unu-nura: reen, 38. Persona nedifina pronomo, 40. Fino de BONECE, 42. Samaj literoj, 44. Germane „jes" Ruse „mi": reen, 45. Prepozicio

**Kastora Klubo skribas...**

Kun granda mal-fru'iĝo venis grupa letero de la Kastora Klubo, kiu informis nin pri la I-a kongres'eto de la Klubo. Ĝi okazis en la pola urbo Bydgoszcz en 1984.

Lasta-tempe al'iĝis multaj ge-knaboj al tiu ĉi klubo, precipe en Pollando — dank' al koresponda kurso, kiun parto-prenis pli ol 1500 ge-knaboj.

Anoj de la kongres'eto en Bydgoszcz sin turnis per sia komuna letero al la infanoj kaj ge-jun'uloj de la mondo. En ilia letero, kiu estas sam-tempe al-voko por al'iĝi al Kastora klubo kaj parto-preni la sekvan kongres'eton, ni legis inter-alie:

Ek-de la jaro 1980 Kastora klubo havas sian sid'ejon en Pollando kaj la klubon gvidas s-ino Barbara Chmielewska. Al la klubo apartenas ĉirkaŭ 6000 infanoj kaj ge-jun'uloj el 56 landoj.

La ĉefa celo de la klubo estas ebl'igi al la anoj inter-personajn amikajn kontaktojn pere de Esperanto (Esperanto estas la oficiala lingvo de la klubo). Dank' al tiuj ĉi kontaktoj ni povas trovi amikojn en aliaj landoj, ek'koni la tiean vivon, historion, kulturon ktp.

Ĝis nun la membroj de nia klubo kontaktis nur koresponde aŭ pere de nia kluba grupa letero „Kara amiko". Dum nia unua kongres'eto ni povis ek'koni niajn ekster-landajn amikojn. Nur tie ĉi ni povis sperti grandan valoron de la Internacia Lingvo en la praktika uz'ado. Ni dankas al la plen-kreskaj esperant'istoj, kiuj laboras por dis-vast'igi Esperanton.

Lernu Esperanton, aliĝu al nia amika rondo.

-----

Atentu pri la adreso de la klubo:

KASTORA KLUBO
ul.Klonowa 18
00 - 591 Warszawa
Pollando

NIA POŜTO

Nun estas tre grave aper'igi la revuon ege regule por re-gajni la leg'antojn pro la longa mal-ordo en la ĝis-nuna aper'ado. Multaj jam ne plu volis aboni al Juna Amiko pro ne-aper'ado

kaj multaj miaj lern'antoj sen-entuziasm'iĝis pri ĝi. Nun mi esperas re-ven'igi ilin al la lingvo-lern'ado kaj al la revuo mem... Ni legos — eble pri Kumeŭaŭa aŭ pri Hunamano, sed ni povas legi laŭvice la tutan revuon, ĉar ĉiu-paĝe estas io interesa!

*Johannes Palu, Tallin*

La sola mia deziro estas, ke la kantoj estu pli multaj kaj ke ili aperu kun muzik-notoj.

*E.S. Perevertajlo, Taŝkent*

Mi gvidas E-kursojn por civit'anoj. Ili estas divers-aĝaj, sed ĉiuj kun intereso tra-rigardas kaj legas revuon JUNA AMIKO... Mi ankaŭ pensas, ke estus pli bone, se la revuo aper'adus pli ofte.

*Galja Nikolova, Sliven, Bulgario*

Nia grupo kaj movado estas ankoraŭ tre juna kaj ni ne havas sufiĉe da instru'iloj por niaj lern'antoj. Bonvolu helpi per viaj kontribu'aĵoj. Ni atendas kun anticipa danko. Ramón Pérez Moya. Prol. P. Gómez 94, Ranchuelo, Villa Clara, CUBA.

---

*Kiel perdi korespond-amikon*

„Kara sinjoro Joel", mi legis ĉe la komenco de la unua el-ekster-landa letero, kiun mi ricevis. Kia feliĉo, ricevi leteron el mal-proksima Koreio, de iu s-ro Im Ryun Kwon. Kaj kia letero! Sinjoro Kwon skribis en-tute *sep paĝojn.*

Mi komencis legi la leter'egon (tiam mi sci-povis ankoraŭ mal-multe Esperanton) vort'aro en unu mano kaj letero en la alia. Kion signifas „ŝatokupo"? Mi konas la vorton „ŝato", sed kio estas „kupo"? Ĝi ne trov'eblas en mia vort'ar'eto! Fin-fine mi bezonis du monatojn por povi legi kaj kompreni tiun leteron. Sed al tia bela leter'ego mi ne povas respondi nur per bild-karto aŭ per unu-paĝa letero, ĉu ne?

Tial mi provis skribi leteron same longan. Mia somera liber-tempo jam fin'iĝis, mi okup'iĝis pri universitataj studoj. Mi skribis unu paĝon, sed fin-fine mi neniam finis la leteron kaj neniam forsendis ĝin.

Mia konsilo el tiu sperto estas simpla: por la unua skriba kontakto estas grave, ke vi skribu mal-longe. Tiam ankaŭ respondi oni povas mal-longe kaj la korespond'ado povos ek'kreski.

*(Laŭ Kontakto)*

# EL ĈIUJ MOND-ANGULOJ

Pano de inkaoj
En la mont'araj regionoj de Peruo kaj Bolivio, proksimaj al lago Titicaca, la lokaj indianoj jam de-longe kulturas mir'indan kresk'aĵon „kinuo", kiu laŭ siaj nutraj kvalitoj[1] superas tritikon kaj maizon. Kinuaj kampoj trov'iĝis inter Titicaca kaj mal-nov'ega perua urbo Kuzko en la alto ĉ. 4000 metroj super la maro. Ĉiu-jare la estro de la grand'-ega lando de la inkaoj komencis solenan ceremonion: el ora teler'eto li dis-ĵetis la unuajn semojn de kinuo. La hispanoj, kiuj neni'igis la reĝ-landon de inkaoj, mem konigis la mal-novan tradicion — baki panon el kinuo, kiun la inkaoj nomis patr'ino-nutr'-ist'ino.

Hodiaŭ la kampoj de kinuo mult'iĝas. Indianoj en Peruo, Bolivio kaj Ekvadoro kresk'igas kinuon kiel tritikon. En Bolivio ek-agis usona kompanio Kinua Corporation, kiu ne kaŝas siajn planojn: kinuo ver-ŝajne disvast'iĝos tra la tuta mondo, simile kiel sia-tempe ter-pomo,[2] kies nasko-lando estas ankaŭ Latina Ameriko. *Trad. S.A.*

*Genia muzik'isto*
Dek-kvar-jaran pian-lud'iston Dimitros Sgouros oni rigardas — laŭ la gazet'aro — kiel la plej grandan muzikan talenton post Mozart. Tiun ĉi gimnazi'anon el la greka urbo Pireus aŭdis ludi ne-longe antaŭ sia morto ankaŭ la glora Rubinstein, kiu rimarkis jenon: „Li estas la plej bona pian-lud'isto, kiun mi aŭdis dum mia vivo — se mi kalkulas ankaŭ min mem". Dimitros komencis ludi kiel sep-jara kaj kiel dek-du-jar'ulo li fari'iĝis profesoro de konservatorio en Ateno.

*La plej eta lingvo*
Nur unu-sola homo parolas ankoraŭ la „ubykh" lingvon: Tevfik Esenc, 82-jara turka vilaĝ'ano estas la lasta, kiu perfekte sci-povas ĝin. Antaŭ unu kaj duon-jarcento parolis tiun ĉi lingvon almenaŭ 50 mil homoj en la valo de Kaŭkazo, oriente de Nigra maro. Lingv'istoj de la Franca Akademio de Sciencoj registris[3] el tiu ĉi lingvo kiel eble plej multe por konservi ĝin.

*Trad. K.N.*

----

1) kresk'aĵoj, el kiuj oni faras panon, 2) manĝ'aĵo, 3) fari ion de-nove kaj de-nove leg'ebla aŭ aŭd'ebla.

# SCI-VOLAJ DEMANDOJ

Infanoj en infan-ĝardeno: Ani rakontas al Lili, ke ŝi nask'iĝis kiam ŝia patr'ino estis mal-sana. Lili diras:

— Sed kiam mi nask'iĝis, miaj ge-patroj estis en teatro. Ili revenis hejmen — kaj mi jam estis tie!

* * *

— Patro, de kie vi ricevis min?
— Mi aĉetis vin en magazeno, fil'eto.
— Jes, sed antaŭ ol vi aĉetis min, iu devis min fari por la magazeno...?

* * *

Kvar-jara Klara tre deziras havi frat'eton aŭ frat'in'eton. Ŝi petas la najbar'inon:

— Onklino, ĉu vi povus doni al mi adreson de la magazeno, kie vi aĉetis vian Katjan?

* * *

— Patr'ino, ĉu estas vero, ke la homoj nask'iĝis el simioj?
— Oni diras tiel...
— Vere, restis tre mal-multaj simioj!

* * *

Knab'eto: En zooparko oni tenas bestojn por montri ilin al homoj. Sed por kio oni bezonas bestojn en arb'aro. Nur por tim'igi infanojn!

* * *

— Per kio vi vundis vian viaĝon?
— Per la kato — mi tenis ĝin je vosto...

* * *

— Mama, kial viroj ne lavas sin? Tiom-foje mi estis kun vi en la ban'ejo, sed neniam estis tie eĉ unu...

*El la kolekto de J. Palu*




## *El Afriko*

FOLEY A. Ekué, B.P.13528, Lomé-Nyekonakpoe, Togo, laboras en elektronika labor'ejo, vespere studas. — BOUMEDIENE Djamel,B.P.432, Tlemcen, Alĝerio, 24 jara studento, — TEZO Fortuné, lernej'ano, adr.: s/c Massamba Abel,B.P. 748 Score, Pointe Noire,Popola Resp. Kongo. — F-ino ICHITEMBO Clotilde-Laetitia, 20-jara, s/c Mme Ichitembo Marie-H, B.P.973, Pointe Noire, Kongo — BOKO Yaovi-Saleck, provizore ĉe sia onklo: s/c ASSOTI A. Mahasso, B.P. 1334, Lomé, Togo. — EKANGA 1-er, lernej'ano, s/c M.Bell Jacques, B.P. 1323, Douala, Kamerunio. — JAONATHANA Marie-Honorette, Logt. 1876/1-bis Ceté 67 Ha, Antananarivo,101 Resp.Dem.Malagasy, MADAGASCAR, student'ino 25-jara pri sporto, muziko, vojaĝoj, filmoj,libroj kun viro 27 ĝis 40-jara, vir'ino 25-30 jara aŭ ge-edzoj ne-junaj. — Mohamed ELMENANI, 23 j., W.G.C. Complexe 61, Clapet 41, 46éme Arr., Mansor III. Cité Bernoussi, Casablanca Cedex 5. Kun junul'inoj. — BRAHIM Djillali, 18 jara, adr. s/c Benahmed Belarbi, Commercant a Barbata, Sebra, wil. de Tlemcen 13, Alĉerio — TOGNON Bernard, ĉ.20 jara Benin'ano, dum-tempece sia onklo: SETODJI Agbo, Centre d'Hémodialyse, C.H.U., Lomé, Togo. — HAMMOUTI Djamel, s/c Hadj Bennai Mohamed, Commercant, Rue des Chauhadas, Ghazaouet, wil.de Tlemcen 13, Algerio, 18 jara lernanto. — BUNDA ESPERANTO-GRUPO, P.O.Box 1072, Bunda,Mara, Tanzanio. La ĉefa aganto estas Mramba Simba, 24 jara farm'isto.

## *El Eŭropo*

Silvija LETTEROVA, 13., Bulgario, 75 — Silistra,K.Mamarĉev, bl.8,ap.9 — Ivanka DOBREVA, 12j., Bulgario, 75 — Silistra, K.Mamarĉev, bl.8, ap.11 — Karako Hajmalka, 14j., lernant'ino, Jagiceva 20,Novi Beĉej 23272, Jugoslavio — Varga Gyöngyi, Petőfi Sándor 26 a, Novi Beĉej 23272, Jugoslavio — Krzysztof Krajewski, 13j., str.Domagalskiego 11/15, 26-600, Radomo, Pollando. — 20 ge-lernantoj 13-16 j., KLUBO DE INTERNACIA AMIKECO Esperanto, Detskaja biblioteka-filial N3, ul.Tereŝkovoj 41,340120 Doneck, USSR, — Esperanto-rondeto, Klub GAJDAROVEC, ul.Pintera 60,340120, Doneck,Sovetio. — Ge-lern'antoj 11-12j.,: 614 022, Perm, str.Sivkova 3, Skola 122, ,,Esperanto'' — En mia kolekto mankas tiuj ĉi numeroj de JUNA AMIKO: 1, 2, 3 el 1974, 11, 12 el 1977, 16, 17 el 1979 kaj 33 el 1984. Kontraŭpage mi sendos Esp. librojn de la estona eldon'ejo. Maidu Allkivi, SU-203522, Vaimoisa, p.k.18, Rapla raj., Estonio, USSR.



Desegnoj sur tiu či kaj la lasta paǧo estas de Vadim Pavčinskij

